# Raporto de la redaktoro

En la jaro 2005, nia revuo, enhavanta 88 paĝojn, aperis regule ĉiun duan monaton, krom dum la somera sezono. La artikoloj alvenis kontentige por ĝustatempe nutri nian gazeton. Pro tio, mi dankas la kontribuantojn.

Revuo devas esti agrabla, alloga, plaĉanta al la okuloj. Pro tio fotoj (en bona aspekto, ne eltirataj el gazetoj) estas bonvenaj. Ne sendu tro ampleksan raporton, ĉar enpaĝigo ofte iĝas ne facila por redukti la skribaĵon konservante la kvintesencon de la verkaĵo. Plej bone estos, ke la verkanto mem elektu la ĉefajn eldirojn.

Mi invitas vin al trafoliumo kaj tralego kaj, se vi opinias, ke kelkaj verkaĵoj nesufiĉe valoras, tuj verku pli riĉan raporton kaj sendu ĝin al la redaktoro. Li feliĉiĝos.

***Lasta afero***; Venontjare, via redaktoro forlasos sian postenon. Faru, ke ankoraŭ nia revuo pluvivos. Propravole, partoprenu en la redaktado de nia ligilo.

Mi deziras al vi bonan legadon.

**Frontpaĝe.**

***Stacidomo en Tallin (Estonio).***

Vidu artikolon pri la fervojo en Estonio verkitan de Walter Ullmann (Germanio)

## Enhavo


| | |
|---|---|
| Raporto de la redaktoro | 22 |
| La 58-a kongreso de IFEF | 23 |
| Raporto de la kasisto | 25 |
| Eniro de ĉinaj fervojistoj ĉe FISAIC | 27 |
| Rusa posttamezo en Duisburg (Germanio) | 28 |
| Bonvenon en ĉeĥa rapidtrajno SC Pendolino | 29 |
| Sveda iniciato en fervoja trafiko | 30 |
| Seminario "INPASEM" en Ĉeĥa respubliko | 32 |
| Rapideca rekordo en Italio | 33 |
| La fervojo en Estonio | 34 |
| Forpaso de Poul Thorsen | 36 |




# La 58-a Kongreso de IFEF, Ŝanhajo, Ĉinio 6-13 majo 2006 kaj la postkongreso en Pekino 13-17 majo

## Pri la postkongresaj ekskursoj Ŝanhajo - Pekino

Post trarigardo de la antikva urbo Zhujiajiao kaj vespermanĝo, la partoprenantoj trajnveturos al Pekino. Tie, ili vizitos la ĉefajn vidindaĵojn.

***Tian'anmen-placo / la Imperiestra Palaco kaj la Ĉiela Altaro.***

Tian'anmen-placo situas en la centro de Pekino. Ĝi areas 44 hektarojn kaj estas la plej granda placo en la mondo. Tie okazis la mitingo por la fondiĝo de la nova Ĉinio la 1-an de oktobro de 1949. Norde de la placo estas Tian'anmen-pordego 33.7 metrojn alta. Sude de la placo staras la Monumento de Popolaj Herooj kaj la Memorhalo de Mao Zedong. Okcidente situas la Popola Halo kaj oriente la Ĉina Ŝtata Muzeo.

Norde de la Tian'anmen-pordego, troviĝas la Imperiestra Palaco, konstruita de 1406 ĝis 1420. La palaco areas 72 hektarojn kaj entenas 9999 ĉambrojn. Ĝi estas la plej granda kaj plej bone konservita antikva palaco en la mondo. 24 imperiestroj de la dinastioj Ming kaj Qing vivis tie. Krom la imponaj haloj Taihe, Zhonghe, Baohe kaj multaj flankaj palacoj, en la palaco estas muzeoj de trezoroj, pentraĵoj, artmetiaĵoj de Ming- kaj Qing-dinastioj, bronzaĵoj kaj horloĝoj.

La Ĉiela Altaro situas sude de la Tian' anmen-placo. Ĝi estis konstruita en 1420. Tie, imperiestroj de Ming- kaj Qing-dinastioj kultis la ĉielon kaj preĝis por riĉa rikolto. La altaro areas 270 hektarojn.

La konstruaĵoj havas bluan koloron por simboli la ĉielon. La ĉefaj


*Tian'anmen-placo*

konstruaĵoj estas la Preĝa Halo, la Ronda Altaro kaj la Fasta Palaco.

**- *La Granda Muro,***
**- *la 13 Maŭzoleoj de la Ming-dinastio.***

La Granda Muro estas simbolo de la ĉina nacio. Ĝian konstruadon oni komencis 7 jarcentojn a.K. Ĝi, 6700 k-ojn longa, komenciĝas de Shanhaiguan-pasejo oriente kaj finiĝas ĉe Jiayuguan-pasejo okcidente. Turistoj povas viziti parton de la Granda Muro ĉe Badaling, el Pekino.

La 13 Maŭzoleoj de la Ming-dinastio situas je distanco de 40 kilometroj de la urbocentro de Pekino. Ili estas ĉirkaŭitaj de montoj en oriento, okcidento kaj nordo. Turistoj povas viziti du el ili. La hipogeo de unu el ili estas malfermita de arkeologoj en 1956.

***La Somera Palaco — Liulichang-strato — Wangfujing-strato***

La Somera Palaco situas je 20 km-oj nordokcidente de la urbocentro. La palaco areas 290 hektarojn kaj 220 hektaroj estas okupataj per lago. Ĝi konsistas ĉefe el Wanshou-monto kaj



***Somera Palaco***

***La Granda Muro***



Kunming-lago. Sur la monto sidas la Foxiang-pavilono kaj antaŭ la monto etendiĝas la Kunming-lago. Sur la norda deklivo staras grupo da grandiozaj tibetstilaj temploj.

*********************************



***Se vi deziras trajnveturi de Moskvo al Pekino!***

*Jen klarigo de s-ro Han Zuwu*

Por trajnveturi de Moskvo al Ĉinio, en Moskvo oni povas aĉeti biletojn en la stacidomo Jaroslavskij per rusa mono "Rublo".

# Raporto de la kasisto por la jaro 2005

| Enspezoj | Eŭroj | Elspezoj | Eŭroj |
|---|---|---|---|
| Kotizoj | 5143,00 | IF-presado | 1750,00 |
| Donaco | 2825,25 | IF-sendo | 1440,00 |
| Sumo Göteborg | 378,00 | UEA-kotizo | 165,00 |
| FFK-vendo | 0,00 | Afrankoj FK | 73,40 |
| Suplemento Historio | 0,00 | Estraro | 425,47 |
| | | Bankkostoj | 7,50 |
| | | ifef.net | 28,70 |
| | | donaco Ĉinio | 2733,00 |
| **Sumo :** | **8346,25** | **Sumo :** | **6623,07** |

| Membro-stato | | |
|---|---|---|
| **Lando** | **2004** | **2005** |
| Aŭstrio | 90 | 72 |
| Belgio | 15 | 15 |
| Bulgario | 10 | 16 |
| Ĉeĥio | 40 | 40 |
| Ĉinio | 20 | 15 |
| Danio | 60 | 60 |
| Francio | 115 | 101 |
| Germanio | 185 | 178 |
| Hispanio | 15 | 15 |
| Hungario | 30 | 30 |
| Italio | 72 | 70 |
| Japanio | 20 | 20 |
| Kroatio | 15 | 15 |
| Norvegio | 40 | 38 |
| Pollando | | 15 |
| Rumanio | 15 | 15 |
| Serbio-Montenegro | 20 | 10 |
| Slovakio | 20 | 15 |
| Slovenio | 6 | 6 |
| Svisio | 57 | |
| Individuoj (5 CH + FI + 10 NL) | 8 | 16 |
| | **853** | **762** |

| Bilanco je la 31-a de decembro 2005 | | | |
|---|---|---|---|
| **Aktivoj** | **Eŭroj** | **Pasivoj** | **Eŭroj** |
| Banko | 5803,58 | Kongresa Garantia Fonduso | 18,78 |
| UEA-konto | 1067,68 | Junulara Fonduso | 501,18 |
| Kaso | 7,00 | Adopta Fonduso | 98,85 |
| antaŭpago IF | 600,00 | Terminara Fonduso | 78,48 |
| | | Estrara Fonduso | 369,52 |
| | | SAEF-Fonduso | 1956,05 |
| | | jarrezultoj sumigitaj | 3092,22 |
| | | ĉijara rezulto | 1345,18 |
| | | antaŭricevitaj kotizoj 2006 | 18,00 |
| **Sumo :** | **7478,26** | **Sumo :** | **7478,26** |

| Propono de buĝeto por la jaro 2007 | | | |
|---|---|---|---|
| **Enspezoj** | **Eŭroj** | **Elspezoj** | **Eŭroj** |
| Kotizoj | 6500,00 | IF-presado | 2150,00 |
| FFK-vendo | 50,00 | IF-sendo | 1750,00 |
| | | UEA-kotizo | 165,00 |
| | | Afrankoj FK | 100,00 |
| | | FFK-presado | 200,00 |
| | | Estraro | 1800,00 |
| | | Bankkostoj | 10,00 |
| | | Diversaj | 375,00 |
| **Sumo :** | 6550,00 | **Sumo :** | 6550,00 |

**Tagordo de la nepublika komitatkunsido 08.05.2006**

1.Malfermo, konstato de la mandatoj
2.Diskuto de la kongrespropono(j)
3.Diskuto de la kasraporto-bilanco 2005/buĝeto 2007
1.Diskuto, analizo de la situacio en kelkaj landoj
2.Diskuto pri la venontaj kongresoj
3.Analizo de la eksteraj rilatoj
Eventualaĵoj.

**Tagordo de la publika plenkunsido 09.05.2006**

Malfermo, konstato de la mandatoj
Ricevitaj telegramoj, leteroj
Honorigo al la mortintoj
Estraranaj raportoj
Sekretario
Redaktoro
Kasisto
Protokolo Braŝovo (RO)
Raporto de la ĉefkomitatano
Kongrespropono(j)
Raportoj de la Faka Komisiono (FK)
Gvidanto
Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)
Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)
Raportoj de la komisiitoj
Skisemajno (IFES) 2006
Fervoja Koresponda Servo (FKS)
Komitatano "A" por IFEF ĉe UEA
Resumo de la jarraportoj 2005 el la landaj asocioj
Analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj
Buĝeto 2007 kaj kotizkonfirmo
Rilatoj al aliaj organizoj
13.1. UEA
13.2. FISAIC
Venontaj kongresoj
Konfirmo de invito al la 59-a IFK 2007
Elekto de lando por 2008, la 60-a IFK
Diskuto pri pluaj eblecoj
Venontaj IFES 2007 kaj 2008

**Tagordo por la kunveno de la FK dum la 58a kongreso:**

1. Bonvenigo kaj enkunduko fare de la FK-gvidanto.
2. Elektoj:
a) gvidanto de FK (nun Jan U. NIEMANN, reelektebla)
b) sekretario de FAS (nun Ladislav KOVÁR, reelektebla)
c) sekretario de TS (nun Heinz HOFFMANN, reelektebla)
d) redaktoro de TeKu (nun Heinz HOFFMAN, reelektebla)
3. Raporto de la Fake aplika sekcio-sekretario.
4. Raportoj pri faka laboro en unuopaj IFEF landaj asocioj.
5. Fakaj programeroj dum la 58a IFK.
6. Raporto de la Terminara sekcio-sekretario.
7. Raportoj de la TS-kunlaborantoj (kaj landaj kaj individuaj).
8. Trakto de nocioj laŭ informoj en Terminaraj Kurieroj.
9. Fakaj programoj dum la 59a IFK.
10. Novaj taskoj por la sekcioj.
11. Eventualaĵoj (sub tio, korektado de la adreslisto).

**KAEST 2006**

***Konferenco pri Aplikoj de Esperanto en Scienco kaj Tekniko 2006-11-10/12.***

Ĉifoje ĝi havas kiel ĉeftemon : "Lingvo kaj Interreto", la dua sekcio havas ĝeneralan temon "Studoj el diversaj fakoj".

Interesatoj rigardu: **"http://www.kava-pech.cz/kaest"**

# Eniro de la ĉinaj fervojistoj ĉe FISAIC

De la 1-a ĝis la 4-a de septembro 2005, la estraro de FISAIC (Federacio Internacia de Societoj Artaj kaj Intelektaj de Fervojistoj) kunvenis en Danio okaze de ĝia prezidio kaj favore balotis pri la demando oficiale farita lastan jaron de la ĉinaj fervojistoj eniri FISAIC-on.

Tiel, ĉinaj fervojistoj, sub la aŭspicio de FISAIC, organizos la internacian kongreson de IFEF (Internacia Fervojista Esperanto-Federacio) en Ŝanhajo de la 6-a ĝis la 13-a de majo 2006.

Ne estas hazardo se, unu plian fojon, la esperantista fervojista movado, iniciatis tiun varbadon, kies graveco nun ne estas facile mezurebla.

La kelkaj forsilentadoj al tiu aliĝo ĉefe rezultis de la maltrankvilo, kiu naskiĝas post ĉiu evento taŭga por tedi la kutimojn. Tamen, FISAIC havas estontecon en sia kapablo federi la plej grandan nombron da nacioj ĉirkaŭ ideoj, kiujn ĝi subtenas.

Verdire, tiufoje FISAIC agis grandskale. Tiu ligo inter du kontinentoj situantaj ĉe la antipodoj unu de la alia ja alportas novan ampleksion de la kultura fervojista movado sed ne nur. Ni devas gratuli niajn ĉinajn kolegojn….

Pro la fakto, ke la ĉinaj laboristoj strebis lerni esperanton, tiun lingvon enhavantan pli ol 60% da latinaj vortoj, por havi eblecon rilati kun la okcidentaj kolegoj, estas laŭdinde. Ilia demarŝo estas des pli merita, ke la eminentularo, kiu regas ilin, senhonte uzas la usonan lingvon por pligrandigi sian komercan politikon…"Business is business"!

Plie, nun la distanco ne plu havas saman signifon ol dum la epoko de Marko Polo. Ĉefa afero estas la volo de FISAIC por ke la fervojistoj renkontiĝu, kie ajn ili vivas en la mondo kaj kiuj ajn estas la malfacilaĵoj.

Jam FISAIC, tiamaniere strebas de pli ol 50 jaroj. Tamen tuj aliflanke de niaj najbaraj landlimoj, fervojistoj, kvankam delonge bone integritaj en la eŭropa komunomo, estas de ni nekonataj rilate la artojn.

De multaj jaroj ili aliĝas al FISAIC sed ili partoprenos neniun internacian renkontiĝon kaj ne plu sendas vivsignojn. Tiu situacio, jaron post jaro, pli kaj pli malboniĝas samgrade ol la liberalisma disvastigo kaj ties senĉesaj privatigoj, kiuj damaĝas ĉiujn landojn, ĉiujn ekonomiajn sektorojn inkluzive de la fervoja transporto. Ankaŭ ni, devas laŭdi du UAICF-grupojn, tiujn de Chalindrey kaj de Dijon, kiuj iris Ĉinion en 2004 por partopreni tiun gravan defiladon konstituitan de pli ol 40 grupoj en Pekino.

Tiel, niaj amikoj pruvis ke la distanco ne estas baraĵo, kiam oni vere deziras, preter la malfacilaĵoj, plilarĝigi niajn forajn rilatojn. Almenaŭ tiu iniciato servis kiel baza diskuto por argumentadi favore al aliĝo de Ĉinio. Eble tiu ekzemplo permesis al kelkaj hezitemuloj favore inklini al aliĝo de Ĉinio.

*Georges Wallerand*
*Ĝenerala sekretario de FISAIC*

# En Duisburg (Germanio): "Rusa posttagmezo" en la Internacia Centro" de popolaltlernejo, la 8-an de januaro 2006.

Michael Bronstein el Rusio, konata bardo en la Esperanto-mondo kaj Abdurrahma Junusov, akompanata de la ĉarma kant- kaj danc-istino Elmira Kurbanova, ambaŭ el Dagestan, vizitis Duisburg-on. Kio estis pli proksima, ol aranĝi "Rusan Posttagmezon"? La familio Sözüer/Brücker kun iliaj infanoj Alina kaj Mélanine zorgis, ke ĉio iru glate. Lars Sözüer interpretis kaj gvidis lerte per germana lingvo, la programon.

Michael Bronstein, la Esperanto-bardo, ĵurnalisto, verkisto kaj inĝeniero, kantis kantojn rusajn, ukrainajn, polajn, jidajn kaj esperantajn. Intertempe, li rakontis ĉarme el sia hejmlando, pri la vivo malantaŭ la norda poluso kaj kial li lernis Esperanton. Por la spektantoj la tempo rapide pasis.

Post mallonga paŭzo, aperis Abdurrahma Junusov kaj Elmira Kurbanova sur la scenejo. Ili parolis (kaj montris diapozitivojn) pri "Dagestan, lando de la montoj - monto de la lingvoj". Estas vere paradiza, bela lando, kiel oni vidis sur la lumbildoj. Ankaŭ Abdurrahma Junusov parolis per malstreĉa maniero pri sia lando, kiu estas proksimume samgranda kiel Belgio sed kie oni parolas pli ol 70(!) diversajn lingvojn. Li parolis pri la homoj tieaj, pri riĉaj kaj pri en mizero vivantaj. Li parolis pri bonfarto kaj malbonfarto de sia lando, kiu estas ĉirkaŭitaj de altaj montoj kaj de la Kaspia Maro.



Tiam venis Elmira Kurbanova en vestaĵo de sia hejmlando.

Ŝi kantis per sonorilpura, ekzercita voĉo, kantojn en sia gepatra lingvo kaj en Esperanto. Ŝi kantis melodiojn pri amo kaj amaflikto, substrekitajn per dancpaŝoj: kontentiĝo por la okuloj kaj oreloj. La spektantoj estis entuziasmitaj. Je la fino kantis en kvarteto Michael Bronstein, Elmira Kurbanova, Alina (7-jaraĝa) kaj Mélanine (5-jaraĝa) kanton en Esperanto.

Spektis 50 homoj, la duono ne E. parolantaj; bona propagando por Esperanto.

Tiun eventon aranĝis "Esperanto Duisburg", konsistanta el "Kulturgrupo Esperanto en la fondaĵo Fervoja Sociala Entrepreno (BSW)" kaj el urba grupo de GEA.

*Rolf Terjung*

# BONVENON en ĉeĥa rapidtrajno SC PENDOLINO




Mardon, la 6-an decembro 2005 okazis inaŭgura veturo de plej rapida komforta trajno de ĉeĥa fervojo PENDOLINO.

La unuan inaŭguran trajnveturon partoprenis reprezentantoj de la ĝenerala fervoja direkcio, la ministro pri trafiko kaj publika administrado; tiuj, kiuj kunlaboris por preparo kaj finaj laboroj ekz. pri interiero aŭ eksteriero de vagonoj. Por distanco de 353 km-oj inter PRAHA ĝis moravia grandurbo Ostrava sufiĉis 3 h 20 min. Kiam estos fervojlinio komplete modernigita ankoraŭ sufiĉos malpli da tempo. Dume, ankoraŭ restas distancpartoj, kiuj ne ebligas maksimuman rapidecon de 160 km/h.

Dum eksperimenta periodo aperis iaj teknikaj problemoj koncerne validigon de sekuriga instalaĵo de fervojlinio kaj instalaĵo de trajno. Post ilia solvo povos moderna ekspreso veturi. Per realigo de tiu ĉi projekto, la ĉeĥa fervojo alproksimiĝos al modernaj eŭropaj landoj kiel Germanio kaj Francio kun iliaj rapidekspresoj TGV. Krom kutimaj servoj en luksaj trajnoj, estas kelkaj nekutimaj ekz. priservado de aviadil-biletoj en Praga flughaveno. Tion garantias suplementa kontrakto kun ĉeĥa aviadil-kompanio CSA. Pasaĝeroj havas tuj post alveturo, busan senpagan transportadon de stacidomo en Prago al praga flughaveno Ruzyně. Por pasaĝeroj en PENDOLINO kaj EC, IC trajnoj, préparas fervojo specialajn atendejojn. Rapidtrajno PENDOLINO kun signo SC / Super City /kunligas grandurbojn PRAHA / stacidomo Praha-Holešovice / PARDUBICE ( nur, por la ankoraŭ escepto fervojnodo Česká Třebová ) OLOMOUC kaj finas en OSTRAVA-SVINOV. Kompleta trajno estas por pasaĝeroj NEFUMANTOJ.

En kazo de malfruiĝo pasaĝero rajtas ricevi monkompenson laŭ tarifo.

Oni antaŭvidas veturojn ne nur enlandajn sed ankaŭ translimajn / ĝis DRESDEN en Germanio kaj WIEN Aŭstrio /.

Teknikaj parametroj de PENDOLINO:
Fabrikisto:
ALSTOM Ferrovia S.p.A
Produktjaro: 2003
Trajnkonsisto:
- 2 vagonoj 1a klaso
- 4 vagonoj 2-a klaso
- 1 vagono 2- a klaso kun bufedo
- 4 vagonoj 2-a klaso

Suma kapacito:
331 sidlokoj + 2 sidlokoj por handikapuloj
105 lokoj en 1-a klaso , 226 en 2-a klaso
Elektraj sistemoj:
3kV, 25 W~50 hz, 15 kV~ 16 2/3 Hz
Maksimuma rapideco: 230 km/h
Tuta longo: 184,4m
Kliniĝa sistemo : hidraŭlika

*Inĝ Zdeněk Polák*

# Sveda iniciato en fervoja trafiko

## *Ĉu fervoja trafiko de la estonto?*

Kiel multaj el vi rimarkis, la pasinta jaro 2005 alportis kelkajn novaĵojn ankaŭ en la fervoja trafiko.

Dum oni, en la sudamerika Peruo, inaŭguris trakciilon movatan fare de premita tergaso, svedaj ekspertoj celas al eluzo de biogaso. Jam en julio 2005 oni prezentis al la publiko unikan relbuson, kiu povas transporti 54 pasaĝerojn. De post septembro oni povas per ĝi regule vojaĝi sur la okdekkilometra fervoja linio inter la urboj Linkoeping kaj Väestervik laŭlonge de la orienta sveda marbordo.

### *"VOLVO" sur la trakoj*

La motorvagono estas ekipita per du biogasmotoroj, konstruitaj en la konstrulaborejo de la famkonata sveda kompanio Volvo. Tiel oni anstataŭis la malnovajn Fiat-dizelojn.

### *Biogas-motoro kapablas trakcii sur fervojo per rapido 130 km/horo*

La koncerna motoro povas traveturi post unu provizo distanco de 600 km, la bezonata brulmaterialo estas kunportata en 11 ujoj. La motorvagono sukcesas veturi sur fervoja linio per rapido ĝis 130 km/horo. Por komparo – la modernaj ĉeĥaj trajnoj sur la modernigitaj ĉeĥaj fervojlinioj povas veturi per rapido ĝis 160 km/horo, kaj la nuntempa maksimuma rapido de la ĉeĥaj "Pendolino"-trajnoj (kun klintekniko) estas 230 km/horo. Kompare al tiuj ĉi faktoj la relbuso trakciata per biogaso ne devas honti; ĝi ja ankaŭ ne estas malrapida…

### *Kiel oni vojaĝos helpe de biogaso*

Biogaso estas produktata el organikaj forfalaĵoj, plej ofte el purigreziduoj, por kies prilaboro oni en Svedujo trovas pli ol 200 staciojn. Dum malkompono de la vegetaĵa aŭ animala materialoj sen alveno de la aero estas liberigata miksaĵo de gasoj kun granda varmokapacito (21 ĝis 23 MJ/m³). La miksaĵon oni povas deponi kaj uzi kiel brulmaterialon! La biogaso konsistas el 65 ĝis 75 procentoj de metano, el 25 ĝis 35 procentoj de karbona oksido kaj el malpli grandaj kvantoj de hidrogeno, nitrogeno aŭ sulfurhidrogeno (sulfohidrogeno) kaj aliaj. Unu el premisoj estas, ke ĝi povas esti fabrikata surloke, kaj la ŝtata decido ne devas esti dependa de transportdistanco, kiel temas ekz. en kazo de nafto. Aliflanke produktado de biogaso estas iomete plimultekosta.

### *Trafiko de la estonto*

La tuta projekto de la firmao Svensk Biogas kostis 10 milionojn da svedaj kronoj, do pli ol miliono

da eŭroj, tamen la investoj por biogas-motorvagonoj povas fariĝi profitaj. Por uzo de tiu ĉi trakci-sistemo oni ne bezonas elektrizitan fervojon, kio malpliigas elspezojn por ĝiaj riparoj kaj bontenado per nekredebla ĝis unu triono.

Nuntempe en Svedio trafikas pere de elektrokurento 97 procentoj de la trajnoj, dum la motor-nafton uzas 3% da fervoja trakcio. "Se ĉiuj svedaj trakciiloj, nuntempe movataj per dizeloj, estus modifotaj je biogaso, temus pri esprimoplena progreso en malgrandigo de emisioj de karbodioksido kaj sendependeco je nafto", pripenetris la estonton sinjoro Björn Sunden, vicdirektoro de la kompanio EuroMaint, kiu prizorgis ŝanĝon de la motoroj.

La sveda projekto de biogas-trakcio por pasaĝertrajnoj samtempe povus instigi aliajn eŭropajn landojn por enkonduki ekologie ŝparemajn trafikilojn.





*Biogas-instalaĵo*

***Rimarko:*** Nuntempe en Svedio laŭ donitaĵoj de la Ministerio de la vivmedio trafikas per biogaso proksimume 779 busoj. Ekzemple en Linkoeping temas pri ĉiuj 62 enurbaj busoj kaj miloj da privataj pasaĝeraŭtomobiloj.

Tiu ĉi speco de la brulmaterialo havas en Skandinavio jaran tradicion. En purigejoj de la forfluaj akvoj oni ĝin produktas en grandaj kvantoj dum la lastaj 10 ĝis 15 jaroj.

La totala jarproduktado de biogaso estas 1400 GWh, kaj kvociento de la bioenergio ricevata de biogaso en Svedio prezentas tutajn 18 procentojn, kio vicigas tiun ĉi nord-eŭropan ŝtaton al elstaraj produktantoj de biogaso.

*Prilaboris Jindřich Tomíšek,*
*lingve kontrolis*
*D-ro Heinz Hoffmann*

# La fervojistoj partoprenis la seminarion "INPASEM" (Ĉeĥa respubliko)

***INPASEM en Dobřichovice***

Jam, por la tria fojo, la seminario INPASEM "Internacia Paroliga Semajno" estis organizita en Dobřichovice, urbeto situanta dekvin km-ojn nord-okcidente de Prago (Ĉeĥa Respubliko). Tiu staĝo sekvis la teoriajn kursojn organizitajn dum marto kaj junio en Parizo. En tiu renkontiĝo, okazinta de la 10-a ĝis la 16-a de oktobro partoprenis proksimume tridek lernantoj, el kiuj 18 Francoj. Jean Ripoche (FFEA) kaj Petro Chrdle (loka organizisto) preparis kaj kadrigis tiun internacian aranĝon. Ĝi donis la okazon renkonti esperantajn partoprenantojn el aliaj landoj: Ĉeĥio, Bulgario, Slovakio kaj Aŭstralio.

En Prago akceptis nin nia ĉiam bonhumora inĝ Zdeněk Pluhař, kiu plezure prizorgis niajn tujajn bezonojn (monŝanĝon, aĉeton de metroo kaj trajn-biletoj ktp.)

Matene, tri instruistoj (Stano Marček, Georgo kaj Petro Chrdle laborigis la lernantojn komencentajn, progresantajn kaj praktikantajn. Stano instruis pere de la Ĉseh-metodo por la komencantoj, Georgo kaj Petro praktikis konversaciajn rondojn (seminarion).

Posttagmanĝe kutime ni entrajniĝis



en Dobřichovice por atingi Pragon, kie ni vizitis multajn vidindaĵojn. Ni tramveturis la ĉefajn instruemajn pitoreskaĵojn ekz. temas pri la Monto Petrin, la kasteloj Hradčany kaj Višerad, la kvartaloj Mala Strana, Josefov ktp.

Aŭtobuse ni vizitis la karlstejn kastelon. Vespere ni ĝuis diverstipajn restoraciojn kaj ni ĉeestis spektaklon de nigra teatro. Temas pri diversaj ludemaj figuroj lumigitaj kaj movigitaj de homoj nevideblaj pro speciala lumaranĝo direktita al aktoroj taŭge vestitaj.

La semajno rapide pasis en agrabla etoso. Ĉiuj lernantoj entuziasmiĝis eĉ la plej ribelema al la ideo lerni esperanton. Finfine tiu amiko fervore plezuriĝis kaj balbutparolante al Petro promesis reveni okaze de la venonta staĝo en Ĉeĥio por sin perfektigi. Vere oni ne devas malkuraĝigi al estulo!

Ĉar la grupo estas kantema (dum la atendo de la trajnoj en stacidomo, dum la trajnveturado, dum la piediradoj) Petro venigis ludgitaristinon por riĉigi iun posttagmezan renkontiĝon kun la pragaj esperantistoj.

Do ankaŭ vi, venu sperti tiun interesan, amikan, instruan semajnon, kiu venontjare okazos de la 2-a ĝis la 8-a de oktobro 2006.

*Pripensis la raporton la dek okaj lernantoj*

*Tamen kompilis Andre kaj Nadine*

## Rapideca rekordo en Italio

Italaj Fervojoj dum testado de provveturado sur la nova grandrapida fervoja linio inter Torino kaj Navara atingis rapidon de 350,8 km/h. Okazis tio la 6-an de oktobro 2005 je la 19.45 horo kaj la Italaj Fervojoj tiamaniere alviciĝis al la Francaj kaj Germanaj Fervojoj, kiuj en sfero de la grandrapida trafiko apartenas al la eŭropa pinto kaj kun atingoj de la rapidecrekordoj jam havas riĉajn spertojn.

Temis pri provvetura trajno tipo ETR 500, kiu nuntempe estas la plej rapida trajntipo en Italio. Ĝi estis konstruita en la maŝinkonzerno Alstom kaj sub ĝia desegno estas subskribita la fama desegnista studio Pininfarina.

Ĝui rapidecon de tiuj ĉi trajnoj en praktika trafikado oni povas precipe sur la fervojaj linioj: Venecio-Bologna-Firenze-Roma, Milano-Bologna-Firenze-Roma-Napoli, Milano-Brescia-Verona-Padova-Venecio, Torino-Modena-Roma kaj Torino-Milano. La provtrafikajn testadojn oni planis praktiki ankaŭ en la sekvaj monatoj.

*Jindřich Tomíšek*

# La fervojo en Estonio Walter Ullmann/Germanio

**ESTONIO**
*Grandeco: 45 227 km/2*
*Logantaro: 1,35 milionoj*
*Cefurbo: Tallinn/Talino*
*Lingvoj: estona (oficiala) 62 %, rusa 35 %*
*Partoprenintoj el la lando en la lasta UK: 31 personoj*

Mi proponas unue legi la artikolojn en IF pri la litova kaj latva fervojoj, ĉar kelkaj informoj rilatas al ĉiuj 3 baltaj landaj fervojoj. La larĝa ŝpuro estas la sama, ĉar heredaĵo el la tempo de la aparteneco al Ruslando. La fervojo en Estonio nomiĝas Eesti Raudtee (EVR) kaj havas la UIC-kodnumeron 26. En 2004 la longeco de la reto estis de 971 km-oj, tio estas kresko ekde 2002 je 8 km-oj. Inter tiuj estas 131 km-oj elektrizataj. Temas pri 6 linioj ĉirkaŭ Talino sub la gvido de la firmao Elektri Raudtee AS.

Mi estis en Estonio dum la postkongreso post la UK en Litovio, sed nur dum unu tranokto en la ĉefurbo. Mi vizitis la ĉefstacion je 20.30 h, kiam la stacidomo jam estis fermita. La stacio estas kapstacio kaj havas 7 trakojn por pasaĝertrajnoj. La trakaro estis elektrizita. La horaro estis dulingvaj, nome estone kaj ruse. Tio estas verŝajne pro la alta procentaĵo de rusparolantaj civitanoj. La trajno al Moskvo (tra Narva) forveturas ĉiutage je 10.05h.

Tuj apud la stacio troviĝis tram- kaj aŭtobus-linioj. Aŭtomatojn por biletvendado mi ne vidis, kvankam je tiu horo ne plu eblis aĉeti biletojn ĉe giĉetoj.

La direkcio de la fervojo troviĝas urbomeze en la strato Pikk 36, en kies montrofenestroj en la teretaĝo videblis miniatura vaporlokomotivo kaj orumita relo.

La reto de la estona fervojo ligas je du lokoj al la latva kaj rusa fervojoj.




*. Vagono de la trajno je 20.40 h al Riisipere*

Pro manko da tempo ne eblis uzi trajnon de la EVR por raporti pli pri la tiea fervojo.

~~~~~~~~~
~~~~~~~~~

**La mapo montras la landon sen la insuloj en la Balta Maro, ĉar sur ili ne ekzistas fervojoj.**



**INTERNACIA FERVOJISTO**
*58-a eldonjaro*

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
« co16919@iperbole.bologna.it »

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
« kozsu13@freemail.hu »

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
« marica.brletic@hznet.hr »

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
« laurent.vignaud@free.fr »

**Redaktoro**: Jean Ripoche
6 rue des Platanes
FR-72230 Arnage - France
Tel/fakso + 33 (0)2 43 21 16 39
« jeanripoche@wanadoo.fr »

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo, julio, Septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy ùt 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**
ISSN 1397-4270
VIG 2003.494

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
« niemann@kabelmail.dk »
SK: D-ro Heinz Hoffmann
« IFEF.B90Gr-mei@-online.de »
SK: Inĝ Ladislav Kovář
« ladislav.kovar@worldonline.cz »

## Forpaso
## Poul Thorsen 07.01.1915 – 30.01.2006

La granda dana poeto Poul Thorsen forpasis la 30an de januaro 2006 je la aĝo de 91 jaroj.
Ne eblas priskribi liajn multajn farojn, sed pleje li ja estas konata en la Esperanta mondo kiel poeto, kvankam liaj interesoj estis multe pli vastaj.

Poeto de traduka kaj eble pleje de originala poezio li tamburis siajn talentojn jam de pli ol 50 jaroj, ekzemple per la poemkolekto *Rozoj kaj Urtikoj*, eldonita en 1954 en la de li iniciatita kaj plurjare gvidita *Eldonejo KOKO*, kaj en kiu libro William Auld aŭguras leganto-ĝuon kaj plian evoluon de la poeto.

Sed ne nur poezia kaj proza verkadoj estis terenoj de Poul Thorsen. Alia lia intereso estis fungoj, kaj dum pluraj jaroj li gvidis aŭtunajn ekskursojn kaj partoprenis mikologiajn aranĝojn, i.a. en Slovakio.

Lia intereso pri fervojoj datiĝas de lia frua junaĝo, kiam li trampe travojaĝis parton de Hispanio. Li priskribis siajn travivaĵojn en revuo MONATO, kaj *Internacia Fervojisto* n-ro 1/1990 rakontas, kiel li kaŝe instalis sin en bremskupeo kaj spertis, ke "feliĉe povis okazi, ke iu aŭ alia fervojisto, kiu ekvidis per sia nokta lanterno figuron de mizera dorsosakulo, simpatie pretervidis la kompatindulon – kaj eĉ en pli ol unu okazo metis manon sur unu relo por indiki pli konvenan direkton. De tiam mi havas tre altan opinion pri fervojistoj".

Kiel jam skribite, multo, multo pli povus esti rakontita pri Poul Thorsen, sed … granda personeco forlasis nin por ĉiam. Multjara amiko kaj membro de DEFA forpasis. – Ke li ripozu pace.

*eho*

***Fervoja Koresponda Servo***
S-ro Dan-Dragos ALDEA
Sos. Nicolai Titulescu 14, B1 21, Ap 69
RO-78152 Bucuresti
Retadreso: esperdragos@yahoo.com
*Se vi deziras uzi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp. Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.*